


# AGADO *de Esperantista - Grupo* ĉe Domo de Kulturo en Jihlava

MARTO - APRILO 1962

## Niaj kunvenoj

La programoj de niaj ĉiumerkredaj kunvenoj pliriĉiĝas. Pri tio meritas jenaj gesamideanoj per siaj interesaj prelegoj. S-anino JUDr. J. Kopečková prelegis trifoje pri jenaj temoj: 1) Enkonduko de Esperanto kiel nedeviga objekto en la danaj lernejoj, 2) Rekrea libertempo de laboruloj en montaro, 3) La 10-jara datreveno de la fondiĝo de la Centro de Esploro kaj Dokumentado (C. E. D.). S-ano J. Dasek prelegis ankaŭ trifoje. 1) La ĉeĥa muzika komponisto Ant. Dvořák, 2) Ant. Slavíček, pentristo, lia vivo kaj verko, 3) La Esperantista Literaturo. S-ano Mir. Lysý dufoje prelegis. 1) Hungario, lando de niaj bonaj amikoj, 2) La Troja milito. S-ano Al. Lysý legis el la „Skota Esperantisto" pri Arto de vendado. S-anino Šlosárková rakontis nin Japanajn fabelojn kaj s-anino Huková legis pri Bulgario. Por pliaj kunvenoj estas preparita diverstema kaj interesa programo.

## ESPERANTO *servas al verkistoj*

En decembro 1961, aperis en librovendejo de nia urbo maldika libro pri ciganoj „Homoj inter homoj". Aŭtorino de ĉi tiu interesplena verketo estas Jihlavanino, instruistino Marie Houzarová, kies pseŭdonimo estas M. Máchalová.

La aŭtorino bone konas vivon de ciganaj familioj kaj iliaj infanoj. Ŝi eĉ bone scias pri ĉiuj iliaj vivproblemoj. Tamen la plej kortuŝa estas ŝia amo al ĉi tiuj homoj.

La aŭtorino volas montri en la libro, ke ciganoj estas nun plenrajtaj anoj de nia socio, kiu forigis antaŭajn maljustaĵojn de kapitalismo en nia lando.

Malmulte da homoj scias pri deveno de ciganoj. Estas nur legendo, kiun ili mem disvastigis, ke ili estas laŭdevene el Egiptujo. Ĉiuj ciganoj devenas el Hindujo, el Punjab (Pandžab). Estas jam mil da jaroj, kiam ili tiun landon forlasis. Ili iris de tie en tri partoj: unu trans Balkano en mezan Eŭropon; la dua trans Ĉinio en Usosoron; la tria trans Egiptujo Hispanujon. Ĉar ilia lingvo apartenas al novhindujaj lingvoj, kiel ekz. sindhi aŭ bengali, ĉiuj ciganoj uzas elementajn vortojn de ĉiuj landoj, tra kiuj ili vagadis. Tiel niaj ciganoj havas en la lingvo vortojn persajn, sed plejmulte grekajn, rumanajn, hungarajn, kaj slavajn.

Intereso de M. H. pri ciganoj ne restadas limigita nur je nia lando. Ŝi multe studas, legas kaj lastatempe eĉ skribas eksterlanden, por akiri kontakton pri alialandaj ciganoj kaj ciganologoj. K i a l i n g v e  ŝ i  k o r e s p o n d a s ? Per E s p e r a n t o, kiun ŝi mem ellernis. E n  E s p e r a n t o  ŝ i  t r o v i s  b o n a n  i l o n, kiel ekscii plej multon pri ciganoj kaj ilia vivo en diversaj landoj.

ŠTEP. PANSKÁ

## *Esperantaj disaŭdigoj en Ĉeĥoslovaka radio*

Post longjara penado flanke de ĉeĥoslovakaj esperantistoj, stariĝis regula kunlaboro inter Ĉeĥoslovaka Radio kaj Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato. Ekde februaro 1962 fremdlingva disaŭdigo de Ĉeĥoslovaka Radio (fako por Aŭstrio) komencis elsendadi regule en Esperanto 6-minutan programon ĉiun lastan jaŭdon de monato, inter 18,45 kaj 19,00 h. (MET) sur la meza ondo 233,3 m (1.286 KHz). Programo ĝis junio: 29. 3. Mondpaca Esperanto-Movado en ČSSR kaj ĝia laboro; 26. 4. La vivo de Esperantistoj en Olomouc; 31. 5. Pri Esperanto-literaturo; 28. 6. Esperantistoj en Pilsen. Por helpi al Ĉeĥoslovakaj samideanoj, post aŭskulto nepre skribu al: Ĉeĥoslovaka Radio, Sendung für Oesterreich, Praha, Ĉeĥoslovakio.

## Esperanto en franca ĵurnalo

Unu el la plej imponaj francaj ĉiutagaj jurnaloj „Paris-Normandie", kiu tage aperas po 180.000 ekzempleroj, aperigos semajne Esperantan kurson. La Esperanta kurso aperas en „Junulara Rubriko" de la jurnalo pere de la Esperanto-grupo en Rouen.

### *LA 47-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO*

okazos en Kopenhago la 4-an ĝis 11-an de aŭgusto 1962 sub la alta protektado de la Dana ĉefministro s-ro Viggo Kampmann.

En la gazeto „Jihlavská lokomotiva“ nro 11 ni legis jenan artikolon: „Elmontra fenestreto de niaj Esperantistoj, kiu estas lokigita sur la perono, estas tiel alloga, ke valoras, ke ĝi altiru atenton ne nur de la vojaĝantoj, sed ankaŭ de la fervojistoj. Ĝia enhavo estas daŭre aktuala kaj ofte ŝanĝata kaj ankaŭ ĝia aranĝo estas bela. Ni dezirus, ke ankaŭ aliaj elmontraj fenestroj de amasorganizoj estu tiel belaj, kiel la elmontra fenestro de Esperantistoj.

EL LETEROJ

KOŠICE. La 12-an de dec. 1961 mortis post mallonga sufero en sia 58 jara aĝo membro de Esperantista klubo en Košice samideano FERDINANDO LELOVITS, estinta oficisto de la Ĉeĥoslovaka ŝtatbanko en Košice kaj longjara fervora pacbatalanto. Honor' al lia memoro!

BRNO. Esperantistoj en Brno kunvenadas ĉiumarde ek de la 19-a horo en nova klubejo en Malnova urbodomo, Radnická strato 8, la 2-a korto, 1-a etaĵo, klubejo nro 9.

KOLÍN. Esperanto-rondeto ĉe Uzina klubo ROH (Revolucia Sindikata Movado) de maŝinfabriko TATRA en Kolín kunlabore kun Uzina komitato ROH, aranĝos la 1-an ĝis 11-an de junio 1962, ekspozicion de infanaj manlaborajoj el landoj de la paca tendaro sub devizo: „Por tutmonda paco, ĝojplena vivo kaj feliĉego de ĉiuj infanoj de la tuta mondo.“

## La unua internacia konferenco Esperanta de sciencistoj

La lingva problemo en la scienco estos la temo de Unua Internacia Konferenco Esperanta de sciencistoj. La konferenco okazos paralele al la 47-a Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago. Organizanto de la konferenco estas Paul Neergaard, Vicprezidanto de Internacia Scienca Asocio Esperantista. Li estas ankaŭ Prezidanto de LKK de la 47-a Universala Kongreso de Esperanto.

## MIL PRUVOJ

La 28-an de decembro en la pasinta jaro la milan fojon eksonis en la etero la ĉiutaga esperantlingva voksignalo de Pola Radio: „Parolas Varsovio, naskiĝurbo de Esperanto!“ Mil esperantaj disaŭdigoj de Pola Radio estas mil pruvoj, ke Esperanto estas vivanta lingvo, plene taŭga por la bezonoj de la internacia kunlaboro.

Esperantaj disaŭdigoj de Pola Radio okazas ĉiutage ek de 16.30 ĝis 17.00 horo sur ondoj 249, 30.01, 31.45, 31,50, 41.12, 41.99, 42.11 a 48.43 m.

Ni atentigas ĉiujn legantojn, ke AGADO ne estas gazeto kiel multaj konjektas, sed ĝi estas informilo pri a g a d o de Esperantistoj en Jihlava. Per sia enhavo la informilo funkcias kiel kolektiva letero. Precipe al novaj Esperantistoj prezentas sin kiel novstila lerno — kaj legolibro por daŭrigo.

## *Letní esperantský tábor*

*ve Stříbrné zátoce u Lančova na Vranovské přehradě uspořádá v prázdninových měsících 1962 ve dvou čtrnáctidenních bězích K U R S Y   E S P E R A N T A. Celkový pobyt v jednom běhu s kursovným a stravou stojí 250 Kčs. Bližší informace sdělí Okresní dům osvěty, odbor Esperanto v Třebíči, nebo je získáte při pravidelných středečních schůzkách jihlavského esperantského kroužku.*

## N I R I D U !

Ŝi estis granda, forta virino kaj la ŝtelisto, kiun ŝi surprizis dum la ago kaj kaptis, vidigis klarajn signojn de punado.

„Estis ja bravege de vi, sinjorino,“ diris la juĝisto, „ke vi atakis la ŝteliston kaj arestis lin. Sed ĉu vere estis necese, nigrigi ambaŭ liajn okulojn kaj elbati ĉiujn liajn dentojn?“

„Nu,“ diris la virino, „mi kuŝis sendorme jam dum tri horoj atendante mian edzon, . . . kaj mi supozis, ke estas li, kiam la ŝtelisto mallaŭte envenis . . .“

Filo: Ĉu mi povas esti punita pro io, kion mi ne faris, patro?

Patro: Certe ne.

Filo: Tre bone. Mi ne faris mian hejmtaskon por la lernejo.

— ★ —

Paŭlo (sepjara): Paĉjo, en tiu ĉi mondo ne ekzistas justeco!

Patro: Kial?

Paŭlo: Nu vidu, la instruisto ricevas salajron kaj ni devas fari la laboron.

— ★ —

Kuracisto ekzamenas rekruton: Ĉu vi ĉiam tiel balbutas?

Rekruto: N-n-ne, s-s-ssinjoro. N-nur k-k-k-kiam m-m-mi p-p-parolas.

KORESPONDI DEZIRAS

TUGOMILA ZDJELAR, Nazorova 14, VIROVITICA — Jugoslavio. 17-jara studentino de gimnazio. Pri muziko, filmoj kaj literaturo.

ESPERANTO — RONDO ĉe MěstOB, Potoky 25, GOTTWALDOV, Ĉeĥoslovakio. Pri ĉiuj temoj.

HAVEL JOSEF, instruisto, LIBŇATOV nro 117, ĉe TRUTNOV — Ĉeĥoslovakio, serĉas gekorespondantojn en Afriko, Azio kaj Usono.

SEIFERTOVÁ JANA, U sv. Víta 878, PELHŘIMOV — Ĉeĥoslovakio. Pri ĉiuj temoj kun ĉiuj landoj.

LETERVESPERON aranĝos en majo SzMT Müvelődási Ház Eszperantó Szakköre, MISKOLC, Kossuth utca 11. Hungarujo.

KORESPONDI bildkarte deziras 20 gekomencantoj (ministoj, fraŭloj, fraŭlinoj, geedzoj), Esperanto kurso 2-an Béke szálló MISKOLC — PERECES, Debreceni Márton tér 9. Hungarujo.

*Julie Šupichová*

# Mluvím esperantsky

*(Mi parolas Esperante)*

7-a daŭrigo

339. Veslaři potřebují hodně lodí a loďiček. — La remistoj bezonas multe da ŝipoj kaj ŝipetoj.

340. Vodní sport je velmi zdravý. — La akvosporto estas tre saniga.

341. Mne zajímá nejvíc rybářství. — Min pleje interesas fiŝkaptado.

342. Přál bych si plachtit na moři. — Mi dezirus velboati sur la maro.

343. Sanice se již ustálila. — Oni povas jam glitveturi.

344. Bude opět sněžit — Denove neĝos.

345. Kdo bude řídit saně? — Kiu direktos la glitveturilon?

346. Cesta je příliš příkrá, nechtěl bych vás převrhnout. — La vojo estas tro kruta, mi ne volus renversi vin.

347. Máme několik kluzišť v našem městě. — Estas pluraj glitkurejoj en nia urbo.

348. Můj bratr je výborný bruslař. Já ještě jezdím pomalu. — Mia frato estas bonega glitkuranto. Mi glitkuras ankoraŭ malrapide.

349. A na lyžích také jezdíte? — Ĉu vi ankaŭ skiveturas?

350. Viděli jste zajímavé skoky ve Špindlerově Mlýně? — Ĉu vi vidis la interesan skisaltadon en Špindlerův Mlýn?

351. Také v Beskydách je dobrý terén pro jízdu na rohačkách. — Ankaŭ en Beskydy estas bona glitvetura tereno.

352. Železniční a autobusové spojení umožňuje lyžařům příchod ze všech stran. — La fervoja kaj aŭtobusa komunikoj ebligas al skikurantoj alvenon de ĉie ajn.

352. Jezdí již lanovka na Černou horu? — Ĉu la pendfervojo al Černá hora jam funkcias?

353. Nerad bych ztratil orientaci, kdyby náhle přišla mlha na horách. — Mi ne ŝatus perdi la ĝustan direkton, se subite venus nebulo en la montaro.

354. Viděl jste nový lyžařský můstek? — Ĉu vi vidis la novan skisaltejon?

355. Označení tyčemi vám ukáže cestu. — La stangosignoj montros al vi la vojon.

356. Kde jste koupil ty nové rohačky? — Kie vi aĉetis la belan kornan sledon?

357. Dobře umíte hrát kulečník. — Bone vi scias ludi (ludas) bilardon.

358. Děti si hrají s míčem. — La infanoj ludas per pilko.

359. Tábořil jste již v lese? — Ĉu vi jam kampis en arbaro?

360. V letním esperantském táboře jsem zažil nezapomenutelné chvíle. — En la Somera Esperanto-Tendaro mi travivis neforgeseblajn momentojn.

361. Postavme stan! — Ni starigu la tendon!

362. Naše heslo je: Buď připraven! — Nia devizo estas: Estu preta!

NÁKUPY A PRÁCE

363. Máte čerstvý salám (tlačenku)? — Ĉu vi havas freŝan salamon (premkolbason)?

364. Ta šunka je velmi chutná, ale chtěl bych ještě dvě sladkokyselé okurky. — Tiu ŝinko estas tre bongusta, sed mi volus ankoraŭ du dolĉacidajn kukumojn.

365. Máte již nové brambory? — Ĉu vi jam havas novajn terpomojn?

366. Nějaké tvrdé žemle, včerejší, vám nezbyly? — Ĉu restis al vi malmolaj bulkoj de hieraŭ?

367. Jím den co den ovoce - ze všeho nejraději jablka. — Ĉiutage mi manĝas fruktojn - plej multe mi ŝatas (la) pomojn.

368. Máte karlovarské suchary? — Ĉu vi havas la biskvitojn de Karlovy Vary?

369. Máte dort se smetanou? — Ĉu vi havas torton kun kremo?

370. Ukažte mi nějakou pěknou bonbonieru! — Belan bonbonujon montru al mi!

371. Máte dopisní papír s linkami? — Ĉu vi havas liniitan leterpaperon?

372. Ještě tužku na kreslení, ale měkkou. — Ankoraŭ krajonon por desegnado, molan.

373. Potřebuji dobré plnicí pero. — Mi bezonas bonan fontoplumon.

374. Chtěl bych podrobný plán města se seznamem ulic. — Mi volus detalan planon de la urbo kun nomaro de la stratoj.

375. Ještě deset archů snímacího papíru pro psací stroj. — Ankoraŭ dek foliojn de kopipapero por skribmaŝino.

376. Prosím, ukažte mi nějakou dobrou knihu pro mládež. — Bonvolu montri al mi bonan libron por junularo.

377. Jaké máte novinky? — Kiujn novaĵojn vi havas?

378. Máte nějaký větší ruský slovník? — Ĉu vi havas ne tro malgradan (pli grandan) rusan vortaron?

379. Máte esperantský překlad „Babičky?" — Ĉu vi ankaŭ havas Esperantan tradukon de la „Avinjo?"

380. Ty básně jsou pěkné, ale nechci je brožované. — Tiuj poemoj estas belaj, sed mi ne volas ilin broŝuritaj.

381. Dodáváte knihy také poštou? — Ĉu vi liveras librojn ankaŭ per poŝto?

382. Máte aspoň antikvární výtisk? — Ĉu vi havas almenaŭ uzitan ekzempleron?

383. Mohu si u vás předplatit list „Dnešní Bulharsko?" —Ĉu mi povas aboni ĉe vi la gazeton „Nuntempa Bulgario?"

384. Chtěl bych národní (lidové) písně pro housle a klavír. — Mi volus ĉeĥajn (popolajn) kantojn por violono kaj fortepiano.

(Daŭrigota)

M i n u l ý č a s slovesa končí koncovkou -is
mi laboris — pracoval jsem
vi laboris — pracoval jsi
atd.

B u d o u c í č a s slovesa končí konc. -os
mi laboros — budu pracovati
vi laboros —budeš pracovat
atd.

P o d m i ň o v a c í z p ů s o b slovesa končí koncovkou -us
mi laborus — pracoval bych
vi laborus — pracoval bys
atd.

R o z k a z o v a c í z p ů s o b slovesa končí koncovkou -u
laboru! — pracuj!
li laboru! — ať pracuje!
ni laboru! — pracujme!

V esperantu jsou pouze dva pády; 1. a 4. pád. 4. pád tvoří se pomocí koncovky —n. (Mi havas libron. — Mám knihu. Li vidis vin — Viděl vás. Mi amas vin! — Miluji tě!)

Koncovkou —n vyjadřujeme v esperantu též:
směr — Ŝi iras en parkon. — Ona jde do parku.
datum — La dudeksesan de januaro 1962. (La 26-an de januaro 1962.) — Dvacátého šestého ledna 1962. (26.. ledna 1962.)
dobu trvání — Skribi tutan horon. — Psáti celou hodinu.
cenu — Tiu ĉi libro kostas dek ses kronojn. — Tato kniha stojí šestnáct korun.
váhu — Donu al mi tri kilogramojn da porkviando. — Dejte mi tři kg vepřového masa.
míru — La arbo estas dek tri metrojn alta. — Strom je třináct metrů vysoký.

Přípona —ist— má význam povolání, trvalé činnosti. (Ĝardeno — zahrada, ĝardenisto — zahradník, instrui — vyučovat, instruisto — učitel.)

Předpona mal— má význam opaku. (sata — sytý, malsata — hladový, granda — velký, malgranda — malý, alta — vysoký, malalta — nízký.)

Předpona ge— má význam obojího rodu. (frato — bratr, fratino — sestra, gefratoj — sourozenci)

V ě t u t á z a c í tvoříme z věty oznamovací, klademe-li před ní tázací částici „ĉu". Stojí-li na začátku věty zájmeno tázací, neklademe již částici „ĉu". Slovo „ĉu" v přímé řeči do češtiny nepřekládáme, v nepřímé řeči jej překládáme slovem „zda". (La tablo estas bruna. — Stůl je hnědý. Ĉu la tablo estas bruna? — Je stůl hnědý?)

N ě k o l i k p o z d r a v ů. Bonan matenon! — Dobré jitro! Bonan tagon! — Dobrý den! Bonan vesperon! — Dobrý večer! Bonan nokton! — Dobrou noc! Ĝis la revido! — Nashledanou! Adiaŭ! — Sbohem! Saluton! — (Všeobecný pozdrav.)

Kiu laboras en ĝardeno? Ĝardenisto laboras en ĝardeno. Kio kreskas en ĝardenoj kaj en parkoj? En ĝardenoj kaj en parkoj kreskas belaj floroj kaj arboj. Kio estas tio? Tio estas la tablo (fenestro, seĝo, muro, bildo k. t. p.). Kion vi faras? Mi skribas. Kia estas via instruistino? Nia instruistino estas juna, bela kaj tre severa. Ni lernas en la klaso, kies fenestroj estas sur la orienta flanko de la lernejo. Kie vi estis hieraŭ? Hieraŭ mi estis en Bedřichov ĉe mia onklo. Mi ŝate vizitus vin, kiam mi povas veni? Venu morgaŭ vespere. Kiel vi fartas? Dankon, tre bone! Kial vi manĝas? Mi manĝas, ĉar mi estas malsata. Kiom da gefratoj vi havas? Mi havas kvar gefratojn, tri fratinojn kaj unu fraton. Ĉu vi skribas? Jes, mi skribas. Ĉu vi pentras? Ne, mi ne pentras, sed mi desegnas. Ĉu via patro laboras en libropresejo? Jes, mia patro laboras en libropresejo. Ĉu vi legas? Jes, mi legas.

---

## NOVAJ VORTOJ

alta — vysoký
ami — milovat
arbo — strom
bildo — obraz
bruna — hnědý
ĉapo — čepice
ĉar — poněvadž
ĉe — u, při
danki — děkovat
dankon — díky
desegni — kreslit
doni — dát
du — dva
fari — dělat
fenestro — okno
flanko — strana, bok
frato — bratr
havi — mít
hieraŭ — včera
hodiaŭ — dnes
horo — hodina
iri — jít
jes — ano
jeti — hodit
kia — jaký
kial — proč
kiam — kdy, když
kie — kde
kiel — jak
Kiel vi fartas? — Jak se máš? (Jak se máte?)
kies — čí, jehož
kio — co
kiom — kolik
klaso — třída
krono — koruna
kvar — čtyři
legi — číst
malsata — hladový
manĝi — jíst
morgaŭ — zítra
muro — zeď, stěna
ne — ne
onklo — strýc
orienta — východní
pentri — malovat
porko — vepř
porkviando — vepřové maso
sata — sytý
sed — ale
seĝo — židle
severa — přísný
skribi — psát
sur — na
ŝerco — žert
tablo — stůl
tio — to
tri — tři
tuta — celý
unu — jeden, jedna
vidi — vidět
viziti — navštívit
veni — přijít
vespero — večer
vespere — večer (časově)
voli — chtít

Pov. MěstNV 80-VÁ-62 Grafia Jihlava Q-07*21473